


Núms. 8-9

SEPTIEMBRE
1949

Ruzafa, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# BOURNEMOUTH

...Y como todos los años, con inexorable fijeza, tuvo lugar el Congreso Universal de U. E. A. Ha sido este de Bournemouth, el 31º Congreso de esta asociación, que con éxito creciente, contra dificultades formularias y económicas, ha congregado en la hermosa playa inglesa a una masa humana—imponente por su cantidad y curiosa por la variedad de sus componentes—que allanando obstáculos y superando sacrificios, han demostrado ante el mundo entero su fe, su esperanza y su convicción en el triunfo de la lengua internacional.

Lenta es la marcha progresiva del Esperanto en el campo cultural y en el de su aprobación por las altas esferas de la enseñanza. Pero esa lentitud, lejos de indicar debilidad, demuestra la firmeza de su marcha ascendente, como toda doctrina sustancial y jugosa, inexpugnable a los alfilerazos de la malicia e insensible a las burlas necias de los ignorantes con pretensiones intelectuales...

El Congreso de Bournemouth ha venido a confirmar, una vez más, la madurez literaria del idioma de Zamenhof, la absoluta neutralidad del movimiento ante los aspectos religiosos, políticos y sociales de la vida, así como la absoluta unidad de las conquistas en defensa de una efectiva comprensión universal sin adulteraciones burocráticas, ni complicaciones técnicas.

Que el Esperanto es un maravilloso medio para que todos se comprendan, es cosa sabida por todos los que poseen mediana cultura; lo que el último Congreso ha demostrado plenamente, es que, además de eso, es un ideal para que todos se «entiendan», lo cual es mucho más precioso y digno de admiración.

El Esperanto no tiene enemigos; no puede tenerlos un idioma que ha demostrado ya su utilidad y su eficacia mediante su aplicación práctica en múltiples actividades. No puede tener enemigos un movimiento que, además del aspecto lingüístico, lleva como adorno un bello ideal pacífico y universalista, lo suficientemente indefinido y abstracto para que lo puedan adoptar personas de los más diversos credos y tendencias.

Por eso, nuestros llamados enemigos no son más que pobres gentes, insuficientemente enteradas, o mercenarios de la pluma, a la que degradan empleándola de manera chabacana contra un noble postulado que debieran enaltecer, o respetar por lo menos..., ya que no quieren molestarse en conocerlo.

No tiene el Esperanto más que un enemigo: grande, pesado, inabordable y, sin embargo, escurridizo e impalpable. ¡Se llama, la indiferencia!

Por eso, la innegable importancia de los Congresos anuales de U. E. A. radica en su poderosa significación propagandística. Todos los que han leído un periódico se han enterado de que, en una hermosa playa inglesa, unos miles de personas de las más diversas naciones, han estado reunidos durante varios días, discutiendo, divirtiéndose y entendiéndose perfectamente, gracias al Esperanto, que aprendieron fácilmente en pocos meses.

Y eso es un hecho feliz y concreto. Un hecho reciente que por ser concreto no admite dudas y por ser agradable no merece burlas de toda persona bien equilibrada y bien nacida. Y ahora, a prepararse para el año próximo en París.

**Okaze de la Universala Kongreso, dum tuta semajno, la verda standardo de la esperantismo, petole flirtadis super angla urbo, kie la publika manifestacio de nia internacia lingvo estis, per si mem, atesto de forto, emblemo de kulturo kaj absoluta garantio de efektiva konkordo inter la homa familio!**

# KIAM NIA LINGVO ESTOS ĈIES PAROLILO...

Proideaj movadoj havas siajn aĝojn, kiel vivantaj estaĵoj.

Esperanto, ankaŭ, post feliĉa naskiĝo, kiu esperigis al ĉiuj brilan kaj gloran infanecon, kreskis kontentige, sen gravaj malsanoj. Nur kiam la movado preterpasis la unuajn jarojn de sia ekzisto, eksplodis la kutimaj infanecaj malsanoj, kaj la Ida skismo, gvidantkvereloj kaj reformismo, estis kiel morbilaj, variolaj kaj skarlatinaj elŝprucoj, kiuj, malaperinte, lasis la korpon de nia movado pli pura kaj pli senbalastigita ol antaŭe, plene hardita por venontaj eventoj.

Malmultajn skuojn suferis la juna movado post tiuj malsanoj, sed ĝia korpo ne kreskis impone nek rapide, okaze de la du mondmilitoj, kiuj, kiel oni scias, atakas pli profunde la junajn estaĵojn. Mankis, efektive, multaj vitaminoj, ĉar por nia juna movado, la ĉefaj vitaminoj estas : korespondado, kongreso, vojaĝo, interŝanĝo. Tiuj kvar elementoj, preskaŭ malaperintaj en la nutraĵo de la esperantismo, okazigis gravan rakitismon en ĝia juna korpo. La repaciĝo alportis iom el la mankantaj elementoj, sed ne ankoraŭ en sufiĉa kvanto, ĉar du novaj malsanoj malhelpas ĝian akiron ; tiuj malsanoj estas : devizo kaj pasporto.

La nuna stadia situo de la movado estas esperiga. La korpo estas forta kaj la plenkreskado tre proksima. Tamen, ĝi devas strebe agadi por sin subteni. Gravajn batojn ĝi devas deflankiĝi : apation, materialismon, nekomprenemon, kaj iomete da elstaremo de kelkaj gvidantoj, kiam nia popolo komencas stariĝi.

Venos, sendube, la triumfa epoko, dum kiu ĉiuj, eĉ ne kleraj homoj, parolos Esperanton kiel helplingvon. Radio, telegrafo, lernejo, ĉie oni uzos—eĉ eluzos!—la lingvon ĉiutage por siaj bezonoj. Kaj tiam ĉiuj miros pri la daŭra stulteco de multaj generacioj, kiuj ignoris la valoran ilon, malgraŭ ĝia evidenta taŭgeco! Se ni povus atingi tian epokon, kia mirinda travivaĵo, rigardante la triumfon de nia idealo kaj la pravon de niaj esperoj!

Tio ~~okazos nepre~~, sed, ~~tiu~~ brila epoko malaperigos altvaloran senton. Esti esperantisto, tiam, estos kiel fanfaroni hodiaŭ pri daŭra uzado de fervojo kaj elektro. Ĉiuj tiam uzos nian lingvon tute same, kiel oni uzas hodiaŭ la servojn de tramo aŭ la informojn de tagĵurnalo. Esperanto infektos ĉion, kaj, post malmultaj jaroj, la esperanta literaturo estos multe pli kulturita ol kiu ajn nacia.

Sed okazos al nia afero tute same, kiel al homa korpo. Iom post iom, mankos al ĝi la juna spirito kaj la juneca impulso ; mankos la frateca sento inter la kunuzantoj ; mankos la lukta stato kontraŭ la nekomprenemo, la indiferento kaj la malbonvolo. Kaj mankos ankaŭ tiu malsaneta sento de supereco, kiun havas ĉiu esperantisto, konsiderante la aliajn ne iniciatintojn... kio estas sento tiom agrabla al ni, nunaj esperantistoj, ke ĝia nepra estonta malapero antaŭsentigas al ni akran amarecon...

CIRANO

---

# LA LINGVO DE LA AMO

**Artikoleto verkita por nia bulteno de Henk Valckenier, nederlanda gazetisto**

*Ĉu la homaro ankoraŭ ne sufiĉe suferis? La vundoj de la dua mondmilito ankoraŭ ne estas for; tamen oni batalas ankoraŭ en tro multe da landoj kaj denove suferas multaj homoj.*

***Dum kelkaj monatoj mi vojaĝas tra Danlando kaj Svedlando. En la nomitaj landoj, mi studas la muzikvivon. La skandinavajn lingvojn mi tute ne parolas. Do, mi uzas Esperanton ; kaj mi denove rimarkis, ke Esperanto estas la lingvo de la amo. Multajn Esperantistojn mi jam vizitis. Ili loĝas en grandaj urboj aŭ vilaĝetoj, sed kiam mi diras «Bonan tagon», ili larĝe malfermas la pordojn kaj mi estas bonvena.***

***Ili povas esti el plej diversaj opinioj ; tio tute ne gravas. Ni estas esperantistoj, kiuj laboras kaj batalas por pli bona, pli sekura vivo, por ni kaj por niaj infanoj. Neniam miaj Esperanto-amikoj demandis al mi : «Kio estas vi?» Ne, ni estas** homoj, en la plej bona senco, en la plej nobla esprimo, kiun la vorto havas.*

# ANKORAŬ LA REFORMEMO...



Jes, ankoraŭ, sub la regula kaj normala fluo de la esperantismo, kaŝiĝas danĝeraj miasmoj kaj strangaj fermentoj, kiuj estas konstanta minaco por la bona farto kaj eĉ propra vivo de nia movado. Antaŭ la milito, ili nur sporade montris sian ekziston per apenaŭ percepteblaj veziketoj; sed, bedaŭrinde, dum la lastaj jaroj, la simptomoj estas pli maltrankviligaj. Tro ofte, la malutila manio de la reformemo nestiĝas en la kapo de kelkaj pli aŭ malpli kompetentaj samideanoj, kiuj, post atako de la perfida infekto, ne jam dediĉas siajn energiojn kaj klopodojn al la pozitiva praktikado aŭ oportuna kulturado de la lingvo, sed nur al ĝia amatora sekcado, kun la impertinenta arogo ripari difektojn, kiuj ŝajne nur en ilia cerbo ekzistas. Per la martelo de obstina bombasto, estas pedante batataj, foje kaj refoje: jen la akuzativo, jen pliaj ceteraj finaĵoj aŭ jen, precipe, la simpatiaj ĉapeletoj de la cirkumfleksoj; tiuj signetoj tiel humilaj, kaj tamen tiel karakterizaj, ke jam sen ili perdus karakteron la skribo de nia lingvo. Sekvante la klasikajn metodojn de ĉiu subfosanto, tiaj *samideanoj* elspezas laboron kaj monon, por varbi adeptojn al sia elkovaĵo, el inter la vicoj de la esperantistaro. Certe, ili plene fiaskas en sia stulta pretendo *plibonigi* la lingvon, sed ne ĉiam tiel plene ili malsukcesas en la mizera gloro semi konfuzon ĉe la novaj esperantistoj, kiuj pro efiko de tiucelaj cirkuleroj povas facile heziti en siaj esperoj, dubi en siaj iluzioj kaj eĉ pensi mem disreviĝe ĉu Esperanto ne estas ia malmultekosta ludilo, kiun ĝiaj uzantoj, kvazaŭ eternaj infanoj, havas nur por ĝin rompi kaj esplori tra la interno. La moderna blufo de la reformemo ankaŭ enŝoviĝis en respondecajn lokojn, kie oni serioze aludas, mencias aŭ komentas la trajtojn de iuj projektoj, kiuj ne alio estas ol pliaj ĉeneroj en la longa ĉeno da reformproponoj, kiun nia movado devas treni, kiel fatalan punon, pro la pufa vantemo aŭ senkonscia agado de tiuj homoj, tiuj tute perdis la rajton aparteni al movado, por kies unueco ili estas evidenta minaco. Nu, kio plej forte atakata, tio estu plej fortike defendata! La modestaj tegmentetoj de niaj cirkumfleksoj estas avangardaj ŝirmiloj de la lingva unueco; kaj, en defendo de tiu unueco, eĉ plej progresema samideano ne devas honti esti blinde fanatika! Esperanto ne plu estas teorio; ĝi jam funkcias perfekte —eĉ malgraŭ siaj malperfektaĵoj— kiel lingvo internacia. Tial, do, la granda amaso, la vasta popolo tutmonda, kiu en vigla svarmo ĝin uzas kaj ĝin vivigas, nepre devas premi, per la premo de sia indiferento, ĉiun provon transformi denove en maŝinon, kun ŝanĝeblaj ŝraŭboj, nian vivan lingvon, kiu estas ja kvazaŭ parto de nia propra estaĵo en karno kaj sango. Nia epoko, sur la makadamo el renversitaj utopioj, bezonas nur kaj atentas nur praktikajn agojn, konkretajn faktojn, utilajn rimedojn. Ne estas tempo por banalaj rezonadoj, por naiva dorlotado al privataj gustoj kaj preferoj, en diletantaj eksperimentoj, ĉar gravaj kolektivaj problemoj postulas solvojn tre urĝajn. Unu el tiuj problemoj estas la bezono de rekta komprenebleco, de homo al homo, de lando al lando, pere de lingvo racia kaj neŭtrala, komuna al ĉiuj. Esperanto, tia, kia ĝi nun estas, laŭ marŝo de sia natura evoluo, plene taŭgas por celo tiel nobla; sed ĝis la dato, kiam ĝi fakte apartenos al la tuta homaro, nia volo ĝin gardi senŝanĝe estu tiel malmola, kiel bloko el granito, kie disrompiĝos same la lancoj de malamikoj, kiel la sagoj de primokantoj kaj... la ungoj de ĉiuj subfosantoj, kiuj malrespekte intencos ĝin grati kaj fendi.

**LUIS HERNANDEZ**

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● AUSTRIA.—El Congreso Esperantista Austríaco tuvo lugar en Graz, desde el 16 al 20 de Julio pasado. Más de 400 congresistas se reunieron en la hermosa capital de Estiria, y demostraron su eficaz labor de propaganda y enseñanza. El Congreso para el año 1950 tendrá lugar en Viena, y el año siguiente, también durante Pentecostés, en Klagenfurt.

El servicio de propaganda tirolés edita prospectos en Esperanto para difundir las bellezas de la región. Para recibirlos, deben solicitarse a «Esperanto-Landesleitung für Tirol», *Kufstein* (Austria).

● BELGICA.—Los esperantistas de Flandes se reunieron en Gante para comprobar los progresos de su organización; el éxito cultural y de fraternización quedó bien patente; sobresalió la reunión de maestros esperantistas, y hubo una interesante encuesta por radio.

La Liga Esperantista de Bélgica tuvo su reunión de Pentecostés en Brujas, la maravillosa ciudad medioeval, joyel del arte flamenco y notable hogar esperantista. Además de las reuniones de trabajo hubo muchas atracciones que distrajeron agradablemente a los esperantistas belgas, así como a muchos otros que acudieron de Francia, Inglaterra, Holanda y Suecia. El Padre J. M. de Corte predicó en Esperanto durante la misa dominical.

● FRANCIA.—El Municipio de Angers —la hermosa ciudad francesa, en donde tanto arraigo tiene el esperantismo—, patrocinó la Exposición de Dibujos Infantiles, organizada por el samideano R. Levin. El Alcalde, el Inspector de Enseñanza, Inspectores y Directores de centros docentes, inauguraron la exposición y comprobaron la utilidad del Esperanto para esta manifestación de arte infantil. Fué muy visitada y demostró su gran utilidad para la propaganda en los medios docentes.

● ARGENTINA.—Con motivo de la llegada al puerto de Buenos Aires del trasatlántico «Brasil», donde el sacerdote esperantista italiano A. M. Stellacci actúa de capellán de a bordo, los esperantistas de aquella población festejaron con los debidos honores al ilustre visitante. Por el hecho de encontrarse también allí, de paso, el entusiasta esperantista chileno Sr. René García Oyarzun, la reunión tuvo caracteres de verdadero acontecimiento internacional.

● ALEMANIA.—En nuestro precedente número, habíamos reseñado el éxito del Congreso Esperantista Alemán, que tuvo lugar en Gottingen. Efectivamente; a pesar de las innumerables dificultades para traslados, permisos, etc., el éxito de asistencia fué clamoroso. El Alcalde de Gottingen recibió a los Congresistas en el Municipio. El Ministro Voigt saludó a los asistentes en nombre del Gobierno, en Esperanto. Se trató de la introducción del Esperanto en las escuelas de Berlín. Todo ello, en una atmósfera de camaradería y optimismo que refleja la marcha triunfal del Esperanto en toda Alemania.

El Congreso de Gottingen ha venido a demostrar una vez más la perfecta utilidad del Esperanto para reuniones internacionales. Mediante la lengua auxiliar, pudieron conferenciar en dicho Congreso, el inglés Mason Stuttard, el danés Paul Neergaard, el belga Cortvriendt, el húngaro Cseh, la holandesa señora Isbrucker, el persa Agamjan, etc.... Todos los asistentes pudieron disfrutar una perfecta comprensión de los temas tratados, sin necesidad de traductores ni complicados sistemas eléctricos. Bastaron a los congresistas unos pocos meses de agradable estudio de la lengua de Zamenhof.

Se decidió que el Congreso para el año 1950 tuviera lugar en Maguncia.

En la pequeña ciudad alemana Kitzingen, estudian Esperanto 120 escolares, en las diversas escuelas del Municipio, con gran entusiasmo y aprovechamiento.

● DINAMARCA.—Por cuadragésima vez se ha reunido la «Centra Dana Esperantista Ligo»; este año en Odense, la bella capital de Fionia. Los numerosos congresistas daneses, a los que se sumaron muchos extranjeros, gozaron de unos días de verdadera vida esperantista. Aparte de las reuniones de trabajo, menudearon las distracciones, durante las cuales los congresistas vivieron en un grato ambiente.

● CHECOSLOVAQUIA.—En la ciudad de Liberec ha tenido lugar, durante las fiestas de Pentecostés, el séptimo Congreso Esperantista de los esperantistas checos. Asistieron 760 delegados del país y otros muchos de Polonia y Suiza. Se recibieron adhesiones de muchos países, entre ellas del Japón. Se creó un sello especial para el Congreso, en cuyo local funcionó una estafeta postal; se radiaron los informes de las sesiones. El Padre J. Filip celebró la Misa para los esperantistas católicos.

● AUSTRALIA.—Los esperantistas de aquella lejana isla continente preparan ya su próxima asamblea nacional que ha de celebrarse a primeros del próximo año en Melbourne, la hermosa capital del estado de Victoria.

## EL ESPERANTO Y LA PRENSA ESPAÑOLA

**En su número 506, correspondiente al día 13 del corriente mes de Septiembre, el popular rotativo gráfico semanal DIGAME publica, ilustrado con varias fotografías, un interesante y extenso reportaje, del notable periodista J. M. Cruz Román, acerca del Esperanto y de las actividades de nuestra Federación. Se trata de un trabajo altamente objetivo, pero ameno y curioso al mismo tiempo, que servirá notablemente para que el extenso sector de los asiduos lectores de tan simpática publicación sepan, con justeza y claridad, lo que es y representa el Esperanto, como un segundo lenguaje auxiliar al servicio de todo el mundo. Felicitamos y saludamos al veterano colega, agradeciendo su delicadeza, y recomendamos muy encarecidamente a todos los esperantistas españoles que se apresuren a adquirir ejemplares de tan interesante número, que debe ser extensamente propagado.**

# SOMERA BABILADETO

**De nia korespondanto en Almatret (Lerida), Samideano Veleto.**

Kelkajn fojojn mi legis, ke la ĵurnalistoj ne trovas temojn por raporto dum somero. Vere ja la varmego estas peza, kaj ĉiuj serĉas marbordojn aŭ riverbordojn por sin refreŝigi kaj bani la ŝvitantajn korpojn. Tamen mi restas hejme, ĉar mia okupado ne permesas al mi foriri al porsomeraj lokoj.

Mia eksterlanda amiko ankaŭ plendas pro varmo. Sed mi tion ne komprenas, ĉar la lando de mia amigo estas trapasita de centoj da kanaloj, kaj la maro frapas ĝiajn pordojn. Ankaŭ la pluvo mankas tie. Ĉie oni atendas ricevi pluvon, ĉar ni bezonas plenigi niajn basenojn por ke la kamparanoj povu semi, kiel en antaŭaj jaroj. Hodiaŭ la akva temo sufiĉus por plenigi longajn kolonojn en la gazetoj; kaj en multaj lokoj tio estas danĝera kaj ne solvebla problemo. La informoj pri arbar-bruloj okazantaj trans la landlimo estas teruraj, ĉar multaj kamparanoj pereis inter la flamoj. Bedaŭrinde estas, kiam imponaj flamoj impete iras antaŭen, minacante vilaĝojn kaj urbojn. La homoj estas tute senpovaj por haltigi la detruon de belaj arbaroj kaj sendefendaj bestoj.

La rezultoj estas malbonaj pro la sekeco. Soifo sur ĉiuj partoj; la fruktarboj ja sentas la akvomankon. Krome mankas elektro; la industrioj ne funkcias, kaj la radioaparatoj silentas. La panoramo ne estas bona.

Revene al mia urbeto, mi devis veturi 12 kilometrojn en danĝera marŝo, ĉar la vojo estas tiom difektita, ke oni saltas en la aŭtobuso kiel akrido. La veturantoj devas esti pretaj al dancado, laŭ la volo de la aŭtobuso. Oni facile povas kompreni, ke ĉiuloke la vivo prezentas nekalkuleblajn temojn. Necesas nur observi nian ĉirkaŭon por renkonti priskribindaĵojn. El ĉi tiu, inter montoj perdita, urbeto de la provinco Lerida, sendas al vi ĉiuj, karaj legantoj, la plej varmajn salutojn via samideano.

VELETO

# INTER LA PROZO DE L[A]

Jam pasis for! Jam pasis for la dolĉaj tagoj de mia libertempo! Sed vero estas, ke tiu forpermeso estis ja kvazaŭ nur preteksto por skizi novajn planojn kaj projektojn al nia bulteneto, kun la bela iluzio vidi baldaŭ ilin en efektiviĝo. Jes, por aktiva esperantisto neniel devas esti pasiva la ripozo en la nuna momento, kiam nia movado situas antaŭ decidaj eventoj. Ĉiu konscia samideano, t. e. homo kun la rajto garni sian veston per pinglo kun verda steleto, nepre devas dum ripozo, kaj eĉ dum la dormo, ankaŭ sin fordoni al la agrablaj, kaj tamen rigoraj, postuloj libervole akceptitaj kune kun sia esperantisteco. Komprenu bone, kion mi volas diri: Se oni haltas, estu nur tio kiel necesa paŭzo por ekspiri kaj plenblovi la pulmojn per freŝa aero kaj povi ree, pli vigle, starti antaŭen, en daŭra kurado, ĝis la glora dato, kiam la ombro de nia flago karese kaj petole kovros la surfacon de la tuta mondo. Nur tiam; nur tiam la esperantistoj rajtos plene ripozi kaj halti, por ĝui kaj frandi trankvile la fruktojn de sia longa penado kaj la parfumon de tiuj floroj, kiujn, en formo de bukedo da horoj el sia vivo, malavare kaj plaĉe ili oferis, kiel adekvatan respondon en tuja preteco, al la malicaj atakoj aŭ stultaj mokoj de filistroj kaj friponoj, en la malfacila periodo, kiam Esperanto ankoraŭ ne estis triumfanta, eĉ nek triumfonta, se ne pro la espero, la obstino kaj la pacienco de la veraj esperantistoj...

Fidela al tiu principo, vigle mi dejoris en aktiva ripozo, legante amason da gazetoj, kiujn mi kunportis en foran izolejon, kaj kiuj staple aranĝitaj utilis, dum nokto, kiel oportuna kapkuseno. Nu, decas do jam ordigi la notojn, kiujn en hieroglifa malneto mi faris, por iomete diskonigi al vi —ho, kara leganto kaj ĉarma legantino— la enhavon plej reliefan el la laste aperintaj gazetoj: Hodiaŭ mi ĝojas prezenti novajn titolojn pli amplekse ol ordinare. El malproksima Azio salutas la okulojn kaj gajigas la korojn la unua vizito de tre veterana kolego: LA REVUO ORIENTA, konata kaj ŝatata organo de la japanaj samideanoj. Se ĝia papero ne estas tre bonkvalita, ĝia enhavo estas zorge kaj trafe elektita; la abundo de japanlingva teksto ne ĝenas sed liveras specialan ĉarmon al ni, okcidentanoj; ĉar krom la ekzotika nuanco, kiun ĝi havigas, tio estas evidenta pruvo pri la universaleco de nia lingvo. Interese estas konstati la atenton, kiun oni donas en ĉi tiu gazeto al la gramatika flanko, per trafaj ekzemploj aŭ klarigoj. Verŝajne, dank'al tio, la lingva perfekteco de la tieaj amikoj estas tute modela kaj vere mirinda. Alia kurioza aspekto estas la represo de simplaj leteroj ricevitaj de Eŭropo, kiuj familiare rakontas pri ĉiutagaj aferoj; kaj tiel, malrekte, ili malkovras, en ceteraj landoj de nia kontinento, facetojn de alies nacia vivo, pri kiuj ni nenion ankoraŭ sciis. Ankaŭ menciinda estas la lerta ruzaĵo profiti la scion, kiun pri angla lingvo havas varbeblaj lernantoj, por instrui al ili nian lingvon pere de la angla, por ke ili komprenu kelkajn klarigojn pli bone ol per la japana. El ampleksa Deklaro de japanaj sciencistoj pri la problemo de Paco, mi prenas etetan fragmenton: «La aserto, ke unuj rasoj estas, pro heredo, pli malsuperaj kaj aliaj pli superaj, estas neniam science pruvita». La japana kolego ricevu kun niaj gratuloj, okaze de la 30-jara apero de la gazeto, niajn salutojn plej sincerajn. LA RONDO, organo de la Aŭstralia Asocio, daŭre semas dum jaroj nian ideon en tiu grandega kaj malproksima Oceania lando. Inter trafaj propagandaj artikoloj, en angla lingvo, aperas literaturaj pecoj en Esperanto laŭ tre flua kaj korekta stilo. De Argentinio, la kara amerika lando el nia propra familio venas tre interesa bulteno E. C. O. organo de progresema societo «Esenco, Cerbo, Ordo». Frontpaĝe aperas sprita publika letero al S-ro. Lie, ĝenerala Sekretario de la Unuiĝintaj Nacioj, en ĉiuj ceteraj paĝoj estas du

# ESPERANTISTA GAZETARO

kolonoj kun sama teksto, en Esperanto kaj hispana lingvo, kie aperas seriozaj kaj bonhumoraj kunlaborajoj. Grava, tre grava, neatendite impona, estas la eleganta kolego VOĈO DE ISLANDO, mi ŝatas imagi, ke ne la ordinara poŝto sed migranta mevo portis, ĝis la varmaj bordoj de la Mediteraneo, tiel belan revuon; ĝi estas pura spegulo pri la tiea vivo, tute en Esperanto, kun ampleksaj fragmentoj el la verkoj de plej eminentaj islandaj aŭtoroj. Belaj fotografaĵoj kaj historiaj klarigoj, pri ĉefaj lokoj de la lando, seninsuligas inter la esperantistaro la fabelan insulon de la ekstrema maro. LA DHARMO estas mistika nomo de gazeto pri orienta kulturo, kiu sporade aperas en Svedio. Por tiuj, kiuj ŝatas malnovan filozofion aŭ emas kompreni la delikatajn nuancojn, kiuj kaŝiĝas en la instruoj kaj doktrinoj de Budho, tiu gazeto estas vera juvelo. LA VIVO estas dumonata organo de «Amikoj de Homaranismo» kun sidejo en Nederlando; oni scias, ke Dro. Zamenhof krom la lingvo kreis apartan kaj noblan idealon, kiel kompletigaĵon, kiun oni konas sub la nomo de Interna Ideo. Kvankam afero pure privata de apartaj esperantistoj, ĝi ankoraŭ havas influon kaj forton en niaj vicoj, kiel oni povas dedukti tra la paĝoj de tiu simpatia gazeto, kiu adaptas al la novaj tempoj la esencon de klasikaj tre bonintencaj konceptoj. Ekzemplo kaj instruo pri tio estas artikoleto pri la ĵazo kaj svingo: «Multaj el vi eĉ ne aŭdis ĵazon; ĝi ne estas tiu muziko, kiun oni ludas kun granda orkestro. Tio estas svingo! Vi plendas, ke tiu muziko estas nur laŭta, parada, brua... Sed, sincere, piano je kiu oni ludas la faman «Polonaise» de Chopin pli baldaŭ pereos ol la piano, je kiu oni ludas bugibugon. Do, ĝis vi lernis ion pri la ĵazo ne decidu pri ĝi!». Plia kaj nova por mi, germana gazeto venis al miaj manoj, ESPERANTO-POST estas serioza kaj bele presita propagandilo por nia lingvo tra tuta Germanio; ampleksa kaj science aranĝita estas ĝia lingva rubriko. Tuta paĝo pravigas la titolon de Esperanto-Post, ĉar en tiu paĝo aperas vasta kaj varia adresaro, tre utila por ĉiuspecaj gesamideanoj. Belega bilda de la «Verdaj Paseroj», infana Esperanto-ĥoro en Berlino, valoras per si mem la koston de la tuta gazeto. Ankaŭ de Germanio venis la bulteno de GEPATRA FAKSEKCIO; obstine kaj senlace, ĝi daŭrigas la klopodojn por enigi Esperanton en la intimecon de la hejmoj tra la radiketoj de la infanoj. Ne nur ja vere laŭdinda, sed treege grava, estas la entreprenita tasko, inda je nia epoko, kie ne ĉio estas egoismo sed ankaŭ racia uzado de energio laŭ antaŭe studita plano. LABORISTA ESPERANTISTO, franca kaj sveda, estas du bonegaj specimenoj pri la elstara rolo, kiun nia lingvo internacia ludas sur la fekunda grundo de la socia kampo. EGIPTA ESPERANTISTO kaj HELENA ESPERANTISTO jus venis al mi en siaj lastaj numeroj por fermi la simbolan ringon de la esperantismo, kiu ĉirkaŭpremas ameme la planedon sur kiu la homoj loĝas kaj tro ofte kolere bruas kaj krias, pro trivialaj kvereloj, kiel malamika najbararo en preme reduktita kvartalo. Se ne definitiva solvo por la tikla problemo de la universala harmonio, Esperanto estas nepre atentinda rimedo kaj taŭga instrumento, jam preta, por helpi ĉiujn klopodojn al tiel sublima celado. Kaj se la homo, pro tordita eduko, de tempo al tempo, ŝatas detrui belegaĵojn kaj mortigi proksimulojn, ankaŭ estas fakto la brava aserto de la esperantismo, ke, komprenante unu la alian, la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian. Certe, tiam, kelkaj respondecaj homoj hontos, ke, anstataŭ la atombombon, ili pli frue ne malkovris la kreivan energion, kiu ekestiĝas kiam amato kaj amatino sigelas siajn lipojn per brulanta kiso de amo kaj pasio.

Sub la influo de tia konvinko, pliaj vortoj estus superfluaj, se pliajn vortojn povus ankoraŭ diri

LA LEGEMA KOBOLDETO

# *Dice un periódico*

**("Le Figaro", de Paris, del 10 Agosto 1949)**

## 1.400 Esperantistas discutieron en Esperanto... y se entendieron perfectamente

**Por muy brillante y hábil anfitrión que seáis, si, por casualidad, sentáseis a vuestra mesa un inglés, un danés, un italiano, un noruego, un español y un wurtembergués, sería divertido ver cómo os las arreglaríais para sostener la conversación; sin duda, habría grandes baches.**

**Sin embargo, personas de nacionalidades tan diversas almorzaron ayer en Montreuil en casa de una francesa, la señora Simone Glodean. Aunque entre los asistentes no había ningún polígiota, todos los invitados, sin dejar de apreciar las excelencias de la comida, hablaban—por así decirlo—por los codos: no titubeaban y tomaban parte, sin esfuerzo, en una conversación general que se refería a los más variados temas... Se expresaban, como lo habrán adivinado ustedes, en Esperanto.**

**En la O. N. U., en las grandes asambleas internacionales, se utilizan ahora unos cascos especiales que permiten escuchar, traducidos por experimentados traductores, los discursos de los oradores extranjeros.**

**Pero este complicado sistema ocasiona, a veces, incidentes: pueden producirse cortes de corriente y las traducciones no siempre son fieles...**

**Este género de inconvenientes no podían tenerse en el Congreso Esperantista Obrero que acaba de reunir en el Palacio de la Mutualidad a cerca de mil quinientos delegados, de más de veinte países diversos. No hubo necesidad de recurrir a intérpretes ni a cascos. Los discursos eran comprendidos directamente por cada asistente... ¿Por qué no se enseña el Esperanto en los establecimientos escolares? En una época en que la distancia no existe, ¿no sería de un inestimable valor para un viajero poseer un idioma clave, tanto más útil cuanto más se usase en todas las partes del mundo?**

**Y a los detractores eventuales del Esperanto, a los que dudan de sus virtudes universales, nos limitaremos a contestar lo siguiente:**



Magnífico aspecto del salón de actos de la Sociedad Coral "Juventud Tarrasense" con el material dispuesto para la reciente Exposición Esperantista celebrada en Tarrasa con el éxito más completo

«Dum unu semajno, 1.400 geesperantistoj el 21 nacioj parolis kaj diskutis nur esperantlingve.»

**Lo cual significa: «Durante una semana 1.400 esperantistas de ambos sexos, procedentes de 21 naciones, han hablado y discutido, sólo en Esperanto.»**

**¡No hay nada como el ejemplo!**

# *Dice otro periódico*

**"España", de Tánger**

(De su corresponsal en París)

**Hubo un tiempo en que se creyó que el Esperanto sería el vínculo maravilloso que borraría las fronteras y uniría en un lazo de amor a todos los pueblos y países del mundo. Ha llovido mucho desde entonces y nosotros, como tanta gente, creíamos que el Esperanto había pasado a la historia de las grandes utopías. Por ello, la noticia de que aquí, en nuestro propio París, se está celebrando el XXII Congreso Mundial de Esperantistas (1), nos ha sorprendido. El Esperanto, no sólo no ha muerto, sino que vive, con unos signos de insospechada vitalidad. Los debates se desarrollan en el más puro Esperanto y bajo la estrella verde, símbolo del movimiento.**

(1) XXII Congreso de S. A. T.

## AGRABLA VIZITO

Tre malofte, la hispana esperantistaro povas ĝui la ŝancon paroli kaj babili kun eksterlanda samideano. Tial, kiam ĵus ni eksciis pri la ebla vizito al Valencio de la aktiva Konstanta Kongresa Sekretario de U. E. A. S-ro Nicolaisen, ni ĉiuj ĝojis tre sincere. Tamen, la tro subita alveno de nia vizitanto malebligis la aranĝon de varma akcepto ĉe la stacidomo. Sed tuj, kiam lia alveno jam okazis, ĉiuj diligentaj membroj el nia rondo alkuris por saluti kaj alparoli la norvegan amikon. Dum la mallonga restado de S-ro Nicolaisen en Valencio, ni ĉiuj faris la eblon por agrabligi al li la malmultajn horojn, kiujn li pasigis kun ni. Antaŭ ol sia foriro, S-ro Nicolaisen partoprenis en festeneto, per kiu la urba esperantistaro donis al li ateston de sia sincera samideana sento

# PRI LA LINGVO DE LA BESTOJ

DE DIPL. INĜ. **K. H. WERNICKE**

En la antikvaj fabeloj ni ofte legas, ke favorato de l'sorto povas kompreni la bestajn lingvojn. Mi opinias, ke estas certe, ke la prahomoj komprenis tiujn lingvojn, ĉar ili estis pli kontaktigitaj kun la naturo ol la moderna homo. Ĉu do fakte ekzistas tiaj bestaj «lingvoj»? Certe ne en la senco de la bone evoluintaj homaj lingvoj, sed ĉiu bestospeco aŭdigas specialajn sonojn, el kiuj ĉiu havas apartan signifon.

Kia diferenco do estas inter la bojado de hundo, gardanta la domon aŭ la korton, kaj de hundo salutanta sian estron, kaj la plorado de batata hundo. Kiom da ĝojo estas esprimata de henanta ĉevalo, kiu rapidas trans la paŝtejon kaj salutas samspecanon. Kiu ne konas la batalan vokon de ĉagrenita virkapreolo aŭ la timan krion de kapreolino? Tre konata estas la ama krio de vircervo, kies aŭskultado estas aparta ĝuo de naturamanto. Granda diferenco ankaŭ estas aŭdebla, kiam vespo pace zumas kaj kiam ĝi ĝenata aŭdigas helan atakeman tonon.

Plej bone oni povas konstati apartajn signifojn de la vokoj kaj krioj ĉe la granda familio de l'birdoj. Plej konataj estas la mallongaj melodioj de la birdaj kantoj, per kiuj ili precipe deklaras sian amon al siaj amatinoj! Tiuj melodioj pro sia signifo estas aŭdeblaj nur dum la amtempo kaj malaperas dum la tempo de l'nutrado de la idoj kaj poste. Nur kelkaj el la malgrandaj kantistoj ne povas forgesi sian amkanton; el ili la malgranda parvolo kantas per laŭta voĉo eĉ dum la vintro. La amkanto ankaŭ ofte havas la kromsignifon: «Ĉi tie mi regas, foriĝu rivalo!» Krom tiu amkanto, la birdoj aŭdigas multe da aliaj vokoj kun diversaj signifoj. Komuna al ĉiuj birdoj estas la kutimo, ke la virbirdo allogas la birdinon per t. n. loga voko! Tiuj vokoj, kompreneble, ĉe ĉiuj birdospecoj estas neegalaj. Plue ekzistas multe da specialaj vokoj: la merlo avertas per karakteriza nervoza kriado ĉiujn najbarajn birdojn, kiam minacas danĝero per kato. Kiam la merlo intencas dormi, ĝi kun pepadanta voko diras «bonan nokton» kaj «enlitiĝas». La garolo avertas per laŭta reĉ-reĉ ne nur la najbarajn birdojn, sed la tutan bestaron de l'arbaro, kiam ĝenanta homo venas al la loĝata regiono. Kia diferenco inter la trumpetado de l'virkoko, staranta sur la sterkejo kaj per sia voko sciiganta: «Mi estas la reganto de miaj kokinoj», kaj lia loga voko, per kiu li prezentas bongustaĵon al kokino; kaj tre diferenciĝas de tio la vekriado de buĉata kokino. Cetere kelkaj birdoj ankaŭ lernas kaj uzas «fremdajn lingvojn» imitante la vokojn de aliaj birdospecoj. La garolo ofte vokas kiel la buteo kaj ankaŭ imitas aliajn birdojn. La sturno imitas koketante la voĉojn de multaj aliaj birdoj kaj ankaŭ la hipolao (*hippolais icterina*) estas konata pro tia imitado.

Oni eksciis per la antaŭaj frazoj, ke multaj bestoj per difinitaj sonoj kaj tonoj esprimas iujn dezirojn, senton, averton kaj volon. Kaj se homo bone observadas la surterajn kamaradojn, li ankaŭ kapabliĝas kompreni la lingvojn de la bestoj.

El la germana gazeto
SCIENCA RONDO

---

# LOS PROGRESOS DEL ESPERANTO EN EL JAPON

**En el lejano y culto país nipón se emplea cada vez más el idioma internacional para la literatura científica. He aquí la última reseña de libros técnicos en los que se ha empleado el Esperanto: Profesor K. Ynoue: «Introducción a la biología». Ingeniero K. Ossaka: «Técnica para la construccion de vagones. Análisis y Práctica». Profesor M. Suzuki: «Introducción a la Fisiología». Doctor Jukio Ota: «Sobre la falta de afinidad de los derivados de benzedrina para las aminoxidasas».**

**Entre los miembros últimamente elegidos para la Conferencia Científica se encuentran activos esperantistas, entre los cuales mencionamos a los siguientes: Prof. F. Egami y S. Sakata, químico y físico, respectivamente, de la Universidad de Nagoya. Ingeniero T. Kuwahara, director de las exploraciones industriales del Ministerio de Industria y Comercio. Hay que resaltar el hecho de que el profesor S. Sakata fué galardoneado el pasado año con el Premio Asahi, una de las mayores recompensas del país, en honor de las figuras más relevantes de la Ciencia y del Arte.**

# LA ALIAJ KAJ NI

**Kun plezuro ni represas el NEDERLANDA ESPERANTISTO la unuan parton de treege interesa studo de D-ro W. Manders, kies atenta legado estas vere rekomendinda al nia aktiva samideanaro**

Kiam Zamenhof en 1887 publikigis la primitivan broŝuron, kies apero signifas la komencon de nia movado, li bone konsciis, ke li metis nur la unuan paŝon kaj ke la vojo al la plena efektiviĝo de lia idealo estos longa kaj peniga. Restis ja la malfacila tasko venki la indiferentecon de mokema mondo. La metodoj, laŭ kiuj li atakis la ĝeneralan skepticismon, ŝajnas al ni strangaj kaj kelkfoje eĉ naivaj. Jam al la *Unua Libro* li aldonis varbilon kun la fama teksto: «Mi, subskribinto, promesas ke mi lernos la lingvon internacian de D-ro *Esperanto,* se estos montrite, ke dek milionoj da personoj subskribis tiun saman promeson». Se ni pripensas, ke la nuntempa ampleksa varbagado de *U. E. A.* por la petskribo rezultigis eĉ ne unu milionon da individuaj subskriboj, kaj ke ĉi tie tute ne temas pri la promeso sed simple pri esprimo de simpatio, tiam estas evidente, ke la nombro de dek milionoj, al kiu *Zamenhof* antaŭ 60 jaroj aspiris, estis vere absurda. Ŝajne ne malpli naiva estis la rapido kun kiu *Zamenhof* komencis eldoni literaturajn verkojn. En 1890, kiam la sola Esperanto-gazeto *La Esperantisto* havis apenaŭ pli ol cent abonantojn, nia lingvo jam posedis tradukitajn literaturaĵojn. Oni povus atendi, ke *Zamenhof* por konvinki la mondon verkus antaŭ ĉio detalajn disertaĵojn pri la helplingva problemo, ke li rezonus kaj argumentus, kaj ke li diskonigus siajn teoriojn en kiel eble plej multaj naciaj lingvoj. Sed *Zamenhof* agis alie : li komprenis, ke ne per vortoj li konvinkos la mondon kaj tial li, de la komenco, instigis siajn adeptojn al praktika uzado de lia lingvo, tiel havigante al si la solan argumenton, kiu kapablas imponi la skeptikan publikon : nome, la nerefuteblajn faktojn. Eble oni oponos, ke *Plena Verkaro* enhavas multajn paĝojn, kaj eĉ du ampleksajn traktaĵojn, kiuj temas pri teoriaj demandoj. Sed tiuj publikaĵoj estas preskaŭ senescepte verkitaj en *Esperanto* kaj destinitaj al esperantistoj. Pri pure lingvistikaj demandoj nek *Zamenhof,* nek liaj unuaj disĉiploj, ŝatis teoriumi. Estas vere, ke en la komenca periodo *Zamenhof* vigle okupis sin pri diversaj reformproponoj, sed lia aktiveco havis pli-malpli devigan karakteron kaj celis rekte la praktikon. Estas karakterize por nia movado, ke la esperantistoj komencis esplori la teorian bazon de nia lingvo nur kiam la idistoj akre atakis ĝin, kaj ke ne *Zamenhof* sed *De Saussure* starigis la principojn de neceso kaj sufiĉo, kiuj tiel brile refutis la arogantajn kritikojn de *Couturat.*

Al multaj instruitaj personoj, ekster nia movado, la esperantismo kaj precipe la komenca periodo impresas diletante. Certe ili ne tute malpravas, sed kiom ajn paradokse tio sonas, tamen estas verŝajne, ke ĝuste al tiu diletantismo *Esperanto* dankas sian sukceson. Ne ekzaktaj lingvaj teorioj, sed la mistikismo de la *Interna Ideo* kaj la praktikemo de *Zamenhof* varbis la unuajn esperantistojn kaj inspiris ilin al entuziasma kaj nelacigebla varbado por nia lingvo. Sian mistikan karakteron la movado iom post iom perdis, sed la praktikemo restis. Rimarkinde malgranda estas inter ni la nombro de la teoriuloj, kaj ilian laboron oni ofte rigardas kun malfido. El historia vidpunkto tiu suspekto estas facile klarigebla : ne la scienculoj sed la diletantoj disvastigis *Esperanton* kaj liveris la evidentan pruvon, ke lingvo internacia estas ebla. Ĝis nun nur malmultaj profesiaj lingvistoj ludis aktivan rolon en nia movado, kaj plej ofte tiu rolo estis ne pozitiva, sed kontraŭe manifestiĝis en kritiko kaj danĝeraj reformproponoj. Tial de multaj esperantistoj estiĝis la sento, ke la lingvistoj povas nur fuŝi nian aferon, kaj ke ju malpli la scienculoj okupas sin pri nia lingvo des pli bone estas. Tamen tio ne estas prava : la esperantistoj venkis la ĝeneralan skepticismon, ĉar en la nuna tempo oni ne plu serioze kontestas la eblecon de planlingvo. Sed dume montriĝis, ke

ne sufiĉas konvinki la mondon. La granda publiko jam ne dubas ĉu Esperanto povas funkcii kiel internacia helplingvo, sed anstataŭ lerni ĝin oni atendas ian oficialan enkondukon. Fariĝas ĉiam pli evidente, ke la decida venko dependos de la aŭtoritataj instancoj : *Esperanto* nur tiam ĝeneraliĝos, se ĝi fariĝos lerneja instrufako. Sed la registaroj ankoraŭ hezitas, parte pro indiferenteco, parte pro diversaj kialoj, inter kiuj certe ne estas la malplej grava, la konsidero ke ĝuste en lingvistikaj rondoj aŭdiĝas ofte kritikoj kaj montriĝas prefero por alispeca planlingvo. Ni, esperantistoj, emas ignori kaj bagatelumi niajn konkurantojn. sed tio povas alporti al ni gravajn danĝerojn, ĉar kvankam laŭnombre ni multoble superas ilin, en iliaj vicoj troviĝas eminentaj lingvistoj, kies influon ni ne taksu malalte. Estas urĝe necese, ke almenaŭ inter aŭtoritatuloj ni propagandu per raciaj argumentoj kaj klare demonstru, ke la enkonduko de *Esperanto* estas ankaŭ science motivebla kaj preferinda. En la nuna decida fazo de nia batalo, ni ne plu povas neglekti la lingvistikan flankon de la esperantismo, ĉar por venki la lastajn barojn ni devas konvinki ĝuste tiujn instancojn, kiuj atribuas grandan valoron al la juĝo de la oficiala scienco.

Planlingvo estas lingvo, kiun oni kreis kun speciala celo. La celo estas faciligi la internaciajn rilatojn. Bone konstruita planlingvo pli konformas al tiu celo ol naciaj lingvoj, ĉar la planlingvon konstruas unu aŭtoro aŭ unu komitato, kaj, kunmetante ĝin, oni zorge elektas tiujn elementojn, kiuj plej konformas al la celo. La lingvoj naciaj estiĝis laŭ tre malsama maniero : ili dankas sian nunan formon al longa tradicio, kies komenco perdiĝas en la nebuloj de la pratempo. Ilin kreis ne la individua racio, sed la kolektivaj bezonoj de primitiva homa komunumo, kaj ankaŭ ilia evoluo ne okazis laŭ antaŭe fiksita racia plano, sed laŭ kaprica kaj ofte hazarda vojo. Ĉu do bona planlingvo superas la lingvojn naciajn ? Al tiu demando respondo ne eblas, ĉar ĝi estas false formulita. Oni ne povas kompari du objektojn kies celo diferencas. La planlingvo estas konstruita por internacia uzo, sed la naciaj lingvoj estiĝis por ebligi rilatojn inter samgentanoj. Se ni volas fari komparon ni demandu ĉu ekz. *Esperanto* estas pli taŭga ol la angla lingvo por funkcii kiel lingvo internacia. Ke al demando tiel formulita ni devas respondi per kategoria *jes*, tion mi antaŭ esperantistoj ne bezonos motivi. Oni povas ankaŭ demandi ĉu *Esperanto* superas la naciajn lingvojn, kiel komunikilo inter samgentanoj, alivorte ĉu *Esperanto* povus sukcese anstataŭi la naciajn lingvojn. Al tiu demando la respondo devas esti nea. La gepatra lingvo estas pli ol nura komunikilo ; ĝi intime kunligiĝis kun nia nacia karaktero kaj nia popolkulturo, kaj tial ĝi posedas ĉiujn nuancojn, kiujn ĝuste ni bezonas por esprimi nian propran spiritan vivon. Se ni fordonus nian lingvon ni ankaŭ fordonus parton de nia kulturo, ĉar multajn karakterize nederlandajn konceptojn ni ne plu sukcesus vortigi. Por pluraj, ni certe formus adekvatajn esperanto-esprimojn, sed enkondukante ilin ni igus la lingvon malpli taŭga por internacia uzo. La universala helplingvo celas esti esprimilo por ĉiuj internaciaj bezonoj, sed ne por la konceptoj, kiuj estas propraj nur al unuopaj popoloj. Inter la diversaj kialoj pro kiuj la naciaj lingvoj malsuperas *Esperanton* kiel lingvoj internaciaj, unu el la plej gravaj estas la fakto, ke estante samtempe lingvoj naciaj ili enhavas multon, kiu fidele respegulas la karakteron, kulturon kaj eĉ historion de la propra popolo, sed ke ĝuste tiuj elementoj, kiom ajn valoraj ili estas por interna uzo, formas por lingvo internacia nuran balaston. Se ni plene adaptus Esperanton al la pure naciaj bezonoj, ni neeviteble multon enkondukus kio en lingvo internacia estas tute superflua, kaj se multaj nacioj agus same, la finrezulto estus eĉ ĥaosa.

Kiam ni, esperantistoj, proklamas la superecon de nia lingvo super la naciaj lingvoj, ni ĉiam akcentu, ke tiu aserto koncernas ekskluzive la valoron de *Esperanto* kiel universala helplingvo. Inter samgentanoj, la nacia lingvo estas neanstataŭigebla kaj nesuperebla, ĉar nur ĝi kapablas plene esprimi ĉiujn delikatajn nuancojn, kiuj estas tipaj por la pensmaniero de propra komunumo.

# Ricevitaj libroj

En miajn manojn falis por recenzo tre interesa, tre bela libro: «Somera Universitato—Malmö 1948» eldonita por Universala Esperanto-Asocio de The Esperanto Publishing Company Ltd. La nomo de la eldoninto sufiĉas por sciigi al niaj legantoj, ke temas pri tre bele prezentita, bele presita libro, kiel tiu eldonejo kutimigis nin. 108 paĝoj da leginda legaĵo, kompilo de la prelegoj faritaj dum la Kongreso de Malmö, laŭ la programo de Somera Universitato, kiu ĉiukongrese okazas de la 17.ª Universala Kongreso en 1925, dank' al bona ideo de S-ano Edmond Privat.

Por ĉiu studema homo la libro estas vera trezoro. La leganto mem juĝos pri ĝia intereso sciante la enhavon, kiu estas jena: *Enkonduko*, de Rektoro Karl Söderberg, Svedujo, *La Laponoj kiel kultura popolo*, de Profesoro B. Collinder, sekvas poste *La Kimraj artofestoj*, de R. Rosetti, *El la mirinda naturo*, de C. Stöp-Bowit, *Astronomiaj sensacioj*, de Profesoro K. Lundmark, *Ĉefprincipoj de la nuntempa Internacia Juro*, de Profesoro D-ro Ivo Lapenna, *El la fronto kontraŭ la malamikoj de la kulturplantoj*, de D-ro P. Neergaard, *La Kalevala Kulturo*, de Vilho Setälä, *Pri la sveda koopera movado*, de Rektoro S. A. Stahre, *Du svedaj humoristoj kaj unu hungaro*, de F. Szilagyi.

Prezo: 4 ŝil., afranko 2 pencojn.

---

Pri la ankaŭ jus ricevita *Jarlibro de S. A. T.* 1949, mi diru, ke ĝi estas tre praktika libreto por aktiva esperantisto. Inter alio la libro enhavas la Statuton de tiu Asocio, eldonojn de S. A. T., liston de aperantaj gazetoj, adresaron kaj karton de la Sektoroj. En la adresaro estas la tuta membraro de la Asocio, kiu havas kelkajn milojn da membroj, klasigitaj ne laŭ landoj kiel en aliaj samspecaj libroj, sed nur laŭ urboj en alfabeta ordo.

NEBAT

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigâj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

SR.º JULIO HURTADO. Camino Real de Madrid, 19. VALENCIA. Dez. interŝ. uzitajn p. m.

E. MARTINEZ. Generalísimo, 77. CHESTE (Valencia). Dez. teknikajn rilatojn kun konstruistoj kaj arkitektoj en Anglio, Italio kaj Ameriko.

DR. E. TUDELA.—Ruzafa, 43. Valencia. Dez. koresp. kun ĉiulandanoj pri div. temoj. Respondo garantiata.

DENTTEKNIKISTOJ!—S.º Ricardo de Luna, dez koresp. pri metiaj k. ĝen. aferoj kun eksterlandanoj. Paseo de Colón, 5, 1.º, 2.ª Barcelona (Hispanio).

FILATELISTOJ! SR.º FRANCISKO COSTA. Nave, núm. 13, 3.º. Valencia. Dez. interŝ. p. m. (per rekomendita poŝto) kun Nederlando, Svisio, Kanado kaj Usono.

---

AMIKO LEGANTO!—Memoru, ke ni bezonas vian opinion kaj viajn sugestojn. Mallongaj artikoletoj estas tre plezure akceptataj por oportuna publikigo.



---

La mejor manera de favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Socio de número ... | 12 | ptas. | anuales |
| Socio abonado.. ... | 25 | » | » |
| Socio protector... ... | 50 | » | » |

Las dos últimas categorías dan derecho a la recepción de nuestro «Boletín»